# INTERNACIA



# JURNALISTO

JARO XIII, SOFIA — BULGARIO
JULIO—SEPTEMBRO 1969, № 3

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA JURNALISTA ASOCIO (TEJA)

**A. Berg** — akademiano
**D. Armand** — *d-ro pri la geografiaj sciencoj*
**E. Bokarev** — d-ro pri la filologiaj sciencoj

## 64 LINGVOJ KAJ ANKORAU UNU

La lingvo de la scienco. Kiel oni ĝin faru komprenebla de ĉiuj? La pridiskuton de tiu ĉi problemo oni komencis ne delonge en „LG"*. Daŭrigante la parolon, la aŭtoroj de la publicitaj nun materialoj starigas demandojn, kiuj tuŝas la sciencan informadon en larĝa plano. Kiel oni *faciligu la komunikiĝon de la specialistoj parolantaj en diversaj lingvoj?* Kion oni devas fari por ke ne malpuriĝu la senfina oceano el informadoj per senutilaj sciigoj! Kaj fine, kiamaniere oni ekposedu profesian nivelon de la popularigo de la sciencaj konoj?

Ĉiam pli ofte antaŭ la scienco elkreskas taskoj, kiujn oni povas solvi nur laŭ la vojo de la senpera kunlaborado inter la scienculoj de la tuta mondo. La esploroj en la kadroj de la Internacia geofizika jaro, la Internacia biologia programo, la esploro de Antarktido, la kunlaborado en la batalo kontraŭ la kancero, la esploro de la kosmo laŭ sia esenco postulas multlingvan interŝanĝon de informado.

La patentojn de ĉiuj landoj oni preparas en ŝtata lingvo—ĝenerale en kelkdekoj da lingvoj. La nombro de la patentoj superis 13 *milionojn kaj plimultiĝas ĉiujare per* 300 mil-oj. Ĉu estas necese ke ni miru, ke ilia komparo estas tasko ekskluzive malsimpla?

Krom la lingvo, en kiu estas verkita la patento, oni bezonas posedi ankaŭ la specialan terminaron.

La posedo de la ĉefaj eŭropaj lingvoj jam estas nesufiĉa por ke la scienculo povu sekvi la mondan sciencan literaturon.

Ekzemple preskaŭ la tuta japana perioda scienca literaturo estas presata en patra lingvo. La socialismaj landoj publikigas materialojn en siaj lingvoj. Ĉe provo oni ĝeneraligi la materialon pri la klimato de Afriko okasis bezono ke oni sciu 25 lingvojn, kaj ĉu ne, ankoraŭ ne ĉiuj lingvoj de tiu ĉi kontinento havas literaturon. Oni povas supozi ke dum la venontaj ~~jardekoj~~ altrudiĝos malmultiĝo de la nombro de la publikigoj en angla, franca kaj germana lingvoj kaj pligraviĝos la rolo de japana, hinda, araba lingvoj, suaheli.

Kion fari la specialistoj, kiuj ne scias tiujn lingvojn?

* Literaturnaja Gazeta

Oni povas, eksemple, imagi tian perfektigitan sistemon por informado, ke ĉiu specialisto povas rapide ricevi la bezonajn al li informojn en sia patra lingvo. Tamen tiu ĉi vojo alkondukos ĝis troa pligrandigo de la nombro de tradukaj eldonaĝoj. La eldonejoj „Mir" kaj „Progres" eldonas librojn tradukitajn en rusan lingvon el 43 lingvoj, kaj siavice tradukas el rusa en 30 ĉefajn lingvojn en la mondo. Tamen el rusa lingvo sciencan literaturon oni tradukas tre malmulte, tio estas ne profitdona, ĉar en ĉiu lingvo estas malgranda nombro da specialistoj en donita demando kaj tio kondiĉas malgrandajn preskvantojn de la eldonaĵoj.

La ĉefa torento de scienca informado iras pere de seriaj eldonaĵoj kaj revuoj. En la tuta mondo oni eldonas ĉirkaŭ 400 referatajn revuojn, reflektigantajn iel la scienc— teknikan informadon.

En Moskvo, krom la 63 fakaj, troviĝas ankaŭ 3 centraj informaj ofjcejoj kaj la plej granda en la mondo Tutunia Instituto pri scienca kaj Teknika Informado (VINJTJ).

Tien ĉi amasiĝas literaturo en 64 lingvoj el 108 landoj en la mondo. Ĉirkaŭ 2 miloj kaj duono da ŝtataj kunlaborantoj trarigardas pli ol 15 mil fremdajn revuojn kaj post tio ilin transdonas al 22 miloj da ne etataj referantoj. La Instituto prilaboras dum la jaro iom malpli ol miliono da artikoloj kaj malgraŭ ĉio la produktado de JNJTJ ne ampleksas la literaturon pri konstruo, vilaĝmastrumo, medicino kaj sciencoj pri kulturo kaj historio.

La prilaborita informaĵo ne distingiĝas per ĝusteco, ĉar ĉiu publikigaĵo submetiĝas je 6—8 operacioj: klasifikado, referado, redaktado ktp. . . Tio estas tipa ekzemplo de multkontakta ligo. La sumo de la eraroj en la diversaj etapoj de prilaboro alkondukas ĝis perdo aŭ laŭ la terminoj de la kibernetiko ĝis entropio de la informado. La eraroj estas multaj, ĉar estas malebla oni trovu specialistojn — tradukistojn — en 10 miloj mallarĝaj profiloj (64 lingvoj kaj 164 branĉoj).

Malrapide fariĝas la liverado de la informaĵo al la uzanto: en la referataj eldonaĵoj de VJNJTJ ĝi alvenas ĝis leganto post 5—12 monatoj, kaj en la libroj iufoje 3 jarojn post la publikigo de la materialo.

Ne estas malpli kaj ĉe parolaj tradukoj. Ĉe ni en la Palaco de la kongresoj ekzistas ekipaĵo por sinkrona traduko en 28 lingvoj. Tamen se oni prenos la orelakceptilojn, oni povas aŭdi la oratoron en plej bona okazo en 6—7 lingvoj, ĉar por la ceteraj oni ne povas trovi tradukistojn kaj kiam komenciĝas respondoj al la demandoj kaj disputoj (debatoj en la orelakceptilojn oni aŭdas nur forte misajn fragmentajn frazojn.

„Efektive sovaĝa spektaklo", — skribas Joan Bernal, — prezentas multajn personojn kunvenintajn je scienca konferenco, kiuj tute same estas vestita, same aspektas, tuŝas, kiel bonege sciate de ni, per siaj pensoj kaj ekkonoj preskaŭ identajn celojn kaj malgraŭ ĉio estas absolute nekapablaj interrilati kaj bezonas la servojn de tradukisto.

Oni bezonas elpensi radikale plej bonan rimedon por interrilato, aparte nun, kiam la mondo fariĝas aganta komplekso, en kiu la babela miksiĝo de lingvoj aperas kiel terurigaj katenoj.

(Daŭrigota)



**Jordan Popov** — Varma laboro

**Ĉiuj membroj de T.E.Ĵ.A. estas petataj tuj sendi sian membro — aŭ abonkotizon por la pasintaj kaj por la nuna 1969 jaro al la komitatanoj, al la reprezentantoj de T.E.Ĵ.A. aŭ rekte al la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto"!**

Niaj kolegoj rakontas

# MIA PRELEGVOJAĜO EN USONO

*La jaro 1949 estas por mi jubilea. En 1929 mi ellernis Esperanton en mia hejmurbo Fahum en Egiptio kaj en 1949 — antaŭ 20 jaroj — mi komencis mian prelegvojaĝon en Eŭropo. En la lastaj 20 jaroj mi faris pli ol 4 000 prelegojn pri mia patrolando la Unuigita Araba Respubliko en preskaŭ ĉiuj eŭropaj landoj.*

*Ĉi jare, la 27-an de aprilo mi elflugis de Frankfurto sur Majno, GFR, al New York, USA, per Boeing 707 de „World Airways" kaj atingis Novjorkon post sephora flugo. Tie min atendis s-roj: Mark Starr, vicprezidanto de ELNA kaj direktoro de la Esperanto—Inform—Oficejo en la urbo, kaj mia malnova korespondanto Rolf Bonesper. Ili lasis min ripozi ĉar morgaŭ „oni ekspluatos min". Kaj vere, la sekvantan tagon mi estis intervjuita de tri radiostacioj, ankaŭ de „Voice of America" en angla lingvo dum 20 minutoj. Vespere mi prelegis pri Egiptio en la klubejo de la lokaj esperantistoj kaj montris kolorbildojn.*

*Malgraŭ laca, tamen mi devis la postan tagon ekvojaĝi al Kalifornio al la bela urbo Fresno per aŭtobuso de „Trailways", preskaŭ 5 000 klm. La veturo daŭris 72 horojn seninterrompe. Kaj mi sukcesis gastatempe ĉeesti la 2-an de majo la kalifornian Esperanto—kongreson. La vojaĝo estis laciga, sed tre interesa, ĉar per aeroplano aŭ per trajno oni ne povas rigardi tiom da interesaj vidindaĵoj, kiel veturante per aŭtobuso. La 5a Esperanto kongreso de Kalifornia en Fresno estis vizitita de pli ol 80 gesamideanoj el ĉiuj partoj de la regiono. Tie mi ree prelegis pri mia naskiĝlando-Unuigita Araba Respubliko.*

*Post la kongreso mi estis invitita de la familio Francis Helmuth — prezidanto de Nordamerika Esperanto Ligo, En ilia hejmo en San Diego mi restis tri tagojn. En la urbo mi prelegis antaŭ la E-grupo kaj en ia popollernejo. La redakcio de fama gazeto „Evening Tribune" en tiu urbo intervjuis min kaj aperigas tre bonan artikolon pri mia vojaĝo kaj pri Esperanto. Poste mi vizitis Los Angelos, kie mi prelegis por komencanta E-klaso de s-ano Gren. Mi daŭrigis mian vojaĝon al San Francisko gastante al ges-roj Schulze. S-ino Schulze gvidas Esperanto—informcentron por Kalifornia kaj Okc. Ameriko. La geedzoj Schulze aktive laboras por Esperanto kaj ofte havas gastojn el diversaj ĉiaj landoj. Mi parolis al la infanoj de lernejo en San Mateo, lernantaj la Internacian Lingvon, kaj ankaŭ antaŭ la loka radio stacio.*

*De San Francisko komencis ree granda — 30 hora vojaĝo-al Gallup en Nova Meksiko, kie mi vizitis la familion Stone. S-ino Roan Stone estas tre konata esperantistino, ŝi tradukis „La Profeto" de Ĥalli Gibran. En jaro 1938 ŝi akompanis dum prelegvojaĝo Lidia — la filino de L. L. Zamenhof tra Usono. En Gallup mi parolis ĉe la radio stacio. Pri mia vizito aperis artikoloj en du lokaj gazetoj. Mi akompanis s-anojn Stone al la „Indiana Rezervejo" en la ŝtato Arizona, centro de usonaj indiĝenoj, kie mi vidis ilian vivmanieron. Ili havas proprajn lernejojn kaj lernas en indiĝena kaj angla lingvoj. Ni provis interesigi iujn el la instruistoj pri Esperanto.*

*Mi vizitis poste Indianopolis, Chicago, Monntreal en Kanado kaj de tie —ree Novjorkon. Tie ĉi la afabla s-ro Bonesper gvidis min al la fama „Empire State Building" — la plej alta konstruaĵo en la mondo. De ĝis supro grandega kaj altega „nubskrapulo" pli ol 450 m alta, mi povis vidi la pejzaĝon de la urbego New York.*

*Mia gastado kaj veturado finis. Mi traveturis pli ol 15 000 kilometrojn en Usono kaj Kanado per aŭtobuso por nur 99 dolaroj dum unu monato. Ne ĉiujn invitojn mi plenumis pro manko de tempo. Sed dank' al la afablaj gesamideanoj usonaj mi sukcesis multon vidi kaj travivi. Sinceran dankon al ĉiuj.*

**D-ro Tadros Megalli**



*Parto de la partoprenantoj de la prelego de s-ano D-ro Megalli en Novjorko, USA*

## SAMIDEANA INTERPAFADO

„La Suda Stelo" — revuo socia, kultura, literatura, primovada de la Jugoslavia Esperanto—Ligo ne tuŝas la demandon pri la esperantistaj disciplino kaj memdisciplino. En n-ro 2—3, julio 1969, sur paĝoj 36 kaj 37 estas tri polemikaj materialoj. La unua estas respondo de Antonije. Sekelj al la prezidanto de Jugoslavia Esperanto—Ligo Prof. B. Popoviĉ kiu, en fruntartikolo sub la titolo „Individualeco kaj disciplino en nia Movado" aperinta en n-ro 5—6 de LSS kritikis la fratojn Sekelj pri ilia agado en IOE, en s-to „Nova Vojo" kaj en „Esperanto-Turismo". En la pasinta n-ro de „Int. Ĵurnalisto sub la titolo „Paca interpafado tra la gazetaro" ni menciis pri la materialoj en LSS, komentinte ilin.

Nun, sub la sama titolo

### „Individualeco kaj disciplino en nia Movado"

A. Sekelj en la organo mem de JEL refutas kiel kalumniaj la kritikon de Prof. Popoviĉ.

„Krom kelkaj linioj kiuj koncernas alian personon, — skribas A. Sekelj — la tuta artikolo estas verkita kontraŭ „Esperanto-Turismo", „kiun kreis—ekster JEL — du „ĉiamaj malkontentuloj" sub kiuj la aŭtoro (Popoviĉ — rim. Esp-v) sendube kredas identigi min kaj mian fraton. Krom tio, aperas kelkaj ofendoj kaj kalumnioj, ĉar la aŭtoro ne konsultis ankaŭ tiujn kiujn la artikolo koncernas, kaj unurlanka kondamno ne estas akceptata maniero inter prudentaj homoj". . . Sube A. S. skribas:

„La aŭtoro riproĉas al ni pro obstina individualismo, nerealeco, memadorado, fanatikeco, ktp. Ŝajnas al mi ke prezidanto de tutlanda organizaĵo devus esti pli singarda ĉe la elekto de ofendaj vortoj, aŭ tuj pruvi tiujn asertojn unu post alia". . . Kaj plue A. S. skribas:

„Mi estas profesia oficiro, dum mia tuta kariero mi ne estis punita, eĉ neniam admonita pro maldisciplino, kaj atingis la rangon de kolonelo. Mi ne akceptas lekcion pri disciplino, ĉar mi kiel fakulo pli bone scias kio estas disciplino".

Sub la „respondo" de A. Sekelj estas alia titolo

### „Anstataŭ respondo"

en kiu Prof. Boĵ. Popoviĉ refutas la refutojn de Sekelj.

„Mi estas por konstanta serĉado de novaj vojoj por endukado de Esperanto en diversajn kampojn de praktika vivo — skribas Popoviĉ kaj konfesas ke — „Pro tio mi eĉ permesis ĝis antaŭnelonge ke mia nomo troviĝu sur la listo de la direkcianoj de IOE, malgraŭ ke mi neniel direkciis kaj malgraŭ tio ke mi konis la ĉefajn gvidantojn de IOE kiel troigatojn en multaj aferoj, ne povante ofte distingi la realigeblan de la nerealigeblan. . ."

„Suriĉas du—tri jaroj por vidi ke „novaj vojoj" fariĝis tre ofte abomenaj vojoj al skismo en nia movado, altirante de aktivuloj surbaze de klaĉado de la ĝenerala Esperanto—movado kiel „arkaiĝinta", „konservatisma ktp." Kaj tiel plu

*Jordan Popov*



Kolegigita muzo

en la sama signifo.

Kaj la tria materialo, sub titolo:

**Pretere: Kolonelo kaj kaporalo**

estas plia respondo al la respondo de Sekelj.

„Antonije Sekelj estas ĝenerala sekretario de IOE, „Esperanto—Turismo“ estas sekcio de IOE, kaj mi (la aŭtoro SM) ne akceptas lian deklaron ke li kun la agado de tiu sekcio havas neniajn ligojn. Eble li ne havas, sed li devas havi. . .“ Kaj sube:

„Mi neniam estis oficiro eĉ rezerva, d.r malpli profesia. Por la kolonela rando de Antonije Sekelj mi havas plenan estimon sed al lia interpretado de la disciplino en la Movado ni ne sentas inklinon. Mi ne sukcesis demandi la novan prezidanton de JEL kian rangon li atingis en nia armeo, sed estas evidente, ke Antonije Sekelj lekcias al li samkiel almenaŭ siatempe la kolonelo lekciis al la kaporalo. (sm)“.

Ni atendu en la organoj de IOE kaj JEL novajn pacajn interpafadojn. Bedaŭrinde tiuj interpafadoj tuŝas ankaŭ la tutmondan Esperanto-Movadon.

**Iv. Esperov**

*Jordan Popov*



**La varma laboro de la Jurnalisto**

*Jordan Popov*



**Sen vortoj**

## *JURNALISTA KARIKATURISTO*

*En la nuna n-ro de nia organo ni aperigas kelkajn karikaturojn prijurnalistajn de Jordan Popov, aperintaj en la revuo „Demokratia Jurnalisto“.*

# LA RIPOZDOMO DE LA ĴURNALISTA AMIKECO KAJ SOLIDARECO DEKJARA



Sur la marbordo, apud Varna, en nigramara ĉirkaŭaĵo, verda kaj sunradia, inter marripozejoj „Druĵba" (Amikeco) kaj „Zlatnite pjasaci" (la Ora Strando), troviĝas la unua Internacia ripozdomo de ĵurnalistoj. Liaj du grandaj, rigardantaj la maron kvaretaĝa kaj dektrietaĝa konstruaĵoj staras fiere inter verdaj parkoj, floraleoj, fruktĝardenoj kaj vinberkampoj.

La ĵurnalista ripozdomo jam havas sian dekjaran jubileon. Ĝi estas ido de la amikeco kaj solidareco inter la demokratiaj kaj progresivaj jurnalistoj de la mondo, de la energia entreprenemo kaj gastameco de la bulgaraj ĵurnalistoj. La ideo konstrui lipozdomon naskiĝis kaj pridiskutiĝis dum ra Unua tutmonda renkonto de ĵurnalistoj en Helsinki 1956. En 1958 en la Kvara kongreso de IOĴ la bulgaraj ĵurnalistoj informis, ke la bulgara registaro aprobis la projekton kaj donas rimedojn por la konstruado. La unua (la kvaretaĝa) konstruaĵo estis preta en 1959. En ĝia meblado partoprenis iuj frataj jurnalistaj naciaj unuiĝoj.

Dum sia sepjara funkciado ĝi akceptis pli ol 9 000 ĵurnalistojn kaj iliajn familianojn el dekoj da landoj. Ili trapasis po 20 ripoztagojn neforgeseblajn en amuzoj, konversacioj amikaj, estis aranĝitaj ekspozícioj, karnavalaj vesperoj, vesperoj de la mardio Neptuno k. a. Oni ekskursis kaj vizitis la belajn kaj plenajn je vidindaĵoj ĉirkaŭaĵoj de Varna, de la bulgara marbordo ktp.

Post sep jaroj — en 1966 larĝe malfermis siajn pordojn ankaŭ la nova dektrietaĝa belega konstruaĵo de la ĵurnalistoj kun la helpo de la bulgara registaro. Ankaŭ ĝin planis kaj konstruis la talenta arkitekto Nikola Nikolov. Anstataŭ 200 ripozantoj en ripozŝanĝo, oni jam akceptas 400 kaj entute dum la ripozsezono (printempo, somero, aŭtuno) tie ĉi gastas 3 500 homoj. Ĝis nun ripozis entute 15 000 ĵurnalistoj kaj iliaj familianoj. Tie ĉi ili ripozis, resaniĝis, amuziĝis, ekskursis, sportumis en freŝa aero, sub sunaj radioj, en gastameca kaj amikeca atmosfero, plifortigante siajn amikecon kaj solidarecon profesiajn. , .

En la ripozdomo oni trovas agrablecon, senbruecon, trankvilecon — entute krea atmosfero por vera ripozo, distraj okupiĝoj, interparoloj, ŝak—kaj aliaj ludoj. La strando estas mirinda — sub la sunaj sanigaj radioj, karesaj ventoj, en la ĉirkaŭbrakoj de la ŝaŭmantaj marondoj, aŭ sub la grandaj sunŝirmiloj, sur la varmega sablaro, aŭ en balanciĝantaj barkoj, fiŝkaptante, kriante, kantante . . . ĉiam oni trapasas plezuregajn minutojn,

En raportaĵoj, vojaĝimpresoj kaj skizoj, revenante hejmen, la ripozantoj en diversaj lingvoj rakontas entuziasme al la legantaro pri siaj ĉarmaj travivaĵoj en la Internacia ĵurnalista ripozdomo apud Varna—belega bulgara urbo.

Nikola Tomov

**ORGANIZA VIVO**

## TEĴA RENKONTIĜOJ EN HELSINKI

*La Kongreson en Helsinki ĉeestis malmultaj TEĴA—anoj kaj ĵurnalistoj. Ne partoprenis ĝin ankaŭ la ĝenerala sekretario kaj redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" Ivan Keremidĉiev—Esperov, ĉar oni ne sendis al li invitilon-deklaron el Finnlando.*

*Tamen en Helsinki estis la prezidanto de TEĴA s-ro Olan Thormodsen el Haugesund, Norvegio, la vicprezidanto Niilo Kavenius el Turku, Finnlando, d-ro A. Mildjwurt el Anglio, Dino Fabris el Italio k. a.*

*Jarkunveno de Tutmonda Esperantista Asocio ne okazis, tamen la ĉeestintoj en apartaj renkontoj pritraktis iujn demandojn koncerne la agadon de TEĴA.*

*Jen koncize la leterraporto de s-ano Kavenius, sendita al nia redakcio:*

*La kongreson partoprenis membroj de TEĴA, kun kiuj ni interŝanĝis opiniojn. Mi devas konfesi, ke aŭdiĝis ankaŭ kritiko pri la pasiveco de la TEĴA—estraro. S-ano Thormodsen kaj mi tamen ofte interparolis, sed ni jarkunvenon ne sukcesis organizi.*

*La ambaŭ—prezidanto kaj vicprezidanto de nia asocio-renkontiĝis kun ekssekretario de TEĴA, Dino Fabris kiu promesis aktiviĝi. Oni sendu (la redakcio) al li „I. Ĵ-ston". Rezulte de tiuj interparoloj en Helsinki ni konsideras, ke ni devas agi estonte laŭ la ellaborita de Kavenius letero-plano, kiu devas esti aprobita ankaŭ de la sekretario Ivan Esperov, kiun leteron oni sendos al ĉiuj estraranoj de TEĴA.*

*Post pritrakto inter la prezidantoj kaj la sekretario la Leteron-planon oni dissendos al ĉiuj membroj, eventuale aperigos ĝin en „Internacia Ĵurnalisto".*

*La plano koncernas la problemojn pri fortikigo de la estraro de TEĴA kaj entute la agadon de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. En la sekvanta n-ro de „I. Ĵ" tiu plano aperos pli detale.*

***POEZIO***

## ĈU VENKO?

*Verŝajne vi konas lin bone:*
*la samideanʼ sen komparo.*
*Konstante li vokas admone:*
*Ni venku en tiu ĉi jaro!*

*Li skribas, parolas tutlande,*
*tagnokte li distelefonas,*
*presaĵojn elverŝas milkvante*
*kaj por propagando nin spronas.*

*Li vokas nin same tamburi*
*la lingvon de la paradizo*
*kaj nepre kun steloj diskuri*
*de ĉapo ĝis nokta ĉemizo.*

*Viktimo de li mi konfesu:*
*la troa fervoro konsternas.*
*Ĉar kiel la lingvo sukcesu,*
*se ne li unue ĝin lernas?*

*Poul Thorsen*

## RADIO ZAGREB: JAŬDE JE LA NOKTOMEZO

Esperantlingvaj elsendoj de Radio Zagreb ekzistas 16 jarojn kiel sola tiaspeca aktiveco en Jugoslavio. Ĝis nun estas 850 elsenditaj programoj, kiuj daŭris 12 800 minutojn aŭ 214 horojn kaj ampleksas 6 800 tajpitajn paĝojn da materialo. La elsendoj de Radio Zagreb estas la sola esperantista aktiveco en Jugoslavio ekzistanta seninterrompe 16 jarojn en la kadro de grava neesperantista institucio, kiu komplete ebligas kaj financas ĝin.

La elsendoj estas parto de la Programo Unu de Radio Zagreb kaj kiel tiaj, ili devas sekvi la ĝeneralan programkoncepton de la direkcio. La programoj estas unuavice destinitaj al eksterlandaj esperantistoj kaj tial la unua parto de ĉiu elsendo estas „Novaĵoj el Jugoslavio" kun informoj plejparte politikaj. La ceteran programparton konsistigas diversaj temoj: ekonomiaj, turismaj, literaturaj, ks—ĉiuj rilatantaj nur Jugoslavion. Elsendoj ĵaŭde, h. 24,05 laŭ MET, ondl 265 m. **(El „LSS")**

## JUNULOJ, KORESPONDU KUN NI!

**La Junulara Esperanto-Klubo en Taŝkento establis internacian korespondan servon celante apogi kaj disvolvi la rilatojn kun esperantistoj el la tuta mondo.**

**La koresponda servo sin turnas al la alilanda junularo kun peto starigi amikan korespondadon kun ni. Slavice ni respondos al ĉiuj skribontoj kaj indikos adresojn de Taŝkentaj kaj aliaj esperantistoj dezirantaj korespondi.**

**Ni petas vin informi nin pri via plena nomo, hejma adreso aŭ adreso de via klubo (en okazo de kolektiva korespondo), aĝo kaj sekso, ŝatokupoj, temoj de korespondado, kion vi deziras interŝanĝi.**

**Nia adreso: Junulara Esperanto-Klubo (koresponda servo), abon. jaŝĉik 140, Poĉtamt, T a ŝ k e n t, Uzbekio, USSR.**

## ĴURNALISTAJ REVUOJ EN LA MONDO

Eble la ĵurnalistoj—esperantistoj kaj la legantoj de „Internacia ĵurnalisto" interesiĝas pri la eldonataj nacilingvaj aŭ en aliaj lingvoj ĵurnalistaj revuoj — naciaj kaj internaciaj. Tial ni aperigas iliajn nomojn. La interesantoj bonvolu turni sin al iliaj eldonantoj — naciaj aŭ internaciaj ĵurnalistaj asocioj.

— Presa Polska — organo de la Pollanda ĵurnalista Unuiĝo, eldonata en Varszawa.

— Balgarski ĵurnalist — organo de la Bulgara ĵurnalista Unuiĝo, aperas en Sofia.

— Zeszyty Prasoznawcze, pollanda ĵurnalo, eldonata en Krakow.

— Vidura — organo de la hindaj ĵurnalistoj, eldonas Hindia Gazetara Instituto.

— Ĵurnalist — organo de la sovetaj ĵurnalistoj. eldonata en Moskva.

— Ĵournalism Quarterly — usona ĵurnalista revuo, eldonata de la Asocio por Edukado Gazetara, centro en Minnesota, Minneapolis, USA.

— Magyar Sajto (Magjar Ŝajto), organo de la Hungara ĵurnalista Unuiĝo, eldonata en Budapest.

— Naŝa Ŝtampa — organo de la Jugoslavia ĵurnalista asocio, eldonata en Beoĝrad.

— Presa Noastra — organo de la Rumana ĵurnalista Unuiĝo, eldonata en Bukureŝto.

— The Columbia ĵournalism Rewiew — eldonata de la Supera Lernejo por ĵurnalistoj, Kolumbia Universitato, New York, USA.

— Ĵurnalism — eldonata de la Punjab-a Universitato, Lahore.

— Neue Deutche Presse — organo de la ĵurnalistoj en Germana Demokratia Respubliko, aperas en Berlino.

— Bulletin — organo de la Internacia Unuiĝo de sportaj gazetoj.

— Novinarstvo — revuo de la Jugoslavia ĵurnalista Instituto, aperas en Beoĝrado.

— Revue de Marche Commun — orĝano de la ĵurnalistoj de la Eŭropa Komuneco Okcidenta.

— The Working ĵournalist — organo de la Hinda Unuiĝo de profesiaj ĵurnalistoj.

— Dahier de l' IIP — franca ĵurnalista gazeto.

— Bolletin de la Itala Nacia ĵurnalista Federacio.

## NOVAĴOJ EL HELSINKI

**Radio Helsinki ĉiutage elsendis novaĵojn el la mondo de Esperanto.**

**Radio Helsinki ĉiutage dum la Universala Kongreso de Esperanto ĉijare en la ĉefurbo de Finnlando elsendadis matene je la 8,30 novaĵojn el la tuta mondo en Esperanto kaj tiujn novaĵojn la ĉeestantaj kongresanoj salutis kun simpatio, des pli ĉar la horo por la elsendoj estas la plej konvena ĉar ebligas la aŭskultadon.**

**La novaĵojn tradukis kaj legis s-ro Simo Raumavirta. La informojn aŭskultis ankaŭ ges-anoj kiuj ne partoprenis la Kongreson, kion pruvas pluraj poŝtkartoj kiuj atingis ĉu la Radion ĉu la Kongreson, ekz. la gratulkartoj de Birger Allmork ferianta en Aland-Föglö k. a.**

### Kunveno de „Informaj Fakoj"

**La kunvenon okazigis la fakoj mem sub prezido de s-ro G. Becker kaj ĝin partoprenis 40 personoj el 13 landoj. S-ro Marinko Ĝivoje—estro de la E-branĉo de Gazetara Servo informis pri la stato de informado al la finna gazetaro kaj E-gazetoj, substrekante ke dank' al niaj klopodoj oni sukcesis aranĝi multajn intervjuojn kun diverslandaj pli elstaraj gesamideanoj. Estis prezentitaj spertoj pri informado en diversaj landoj kaj oni substrekis la sugestojn de la Informa Fako de UEA laŭ la principaro de Frostavallen.**

### Esperanta-angla-ĉina

**Ankaŭ la Informa Fako de UEA multe kontribuis al la kampanjo. La Informa Fako konsistas el multaj individuaj kunlaborantoj en diversaj landoj. La kunlaborantoj ricevas regule informojn en la Internacia Lingvo. La informojn ili tradukas en naciajn lingvojn kaj publikigas en nacilingvaj gazetoj. Tiamaniere, ekzemple, la grava artikolo „Kultura genocido kaj Homaj Rajtoj", verkita de prof. Ivo Lapenna, aperis unue en Esperanto en la oficiala revuo de UEA. La kunlaborantoj de la Informa Fako tradukis ĝin en siajn naciajn lingvojn, kaj ĝis nun la artikolo jam aperis en tradukoj hispana, franca, itala, germana, angla kaj ĉina. La ĉina traduko aperis en gazeto en Tajvano. Iom strange, ĝi estis farita surbaze de la usona traduko!**

---

**Redaktoro: Ivan Keremidciev — Esperov, blv. Hristo Botev 98**
**Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04**
**Helpredaktoro: Petja Ĉakova**